# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 08/11/2013 Cent tridekoka Eldono 08/11/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 27a Novembro 2013**

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

En Ĉinio mi ne sukcesis aŭskulti la retradion aŭ vidi la bildon
En Aŭstralio vi ĝoje kapablas aŭskulti.

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »




## Propaganda sekcio






**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo “The Feed”

Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.




AE atendas ĝisdatan

informon. Eble post unu-du semajnoj (informis Jeannette)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

# Lingvaĵo IOM PLI PRI LA KOMPLEMENTOJ



Bonestu kompari la jenajn frazojn:

1a). La ekskurso per la aŭtobuso > b). La (per)aŭtobusa ekskurso.
2a). La pentraĵo en la kadro > b). La (en)kadra pentraĵo.
3a). La pritrakto kun komparoj. > b). La kompara pritrakto.
(temas pri Substantivo kun sia Prepozitivo (= Suplemento) aŭ kun sia Adjektivo (= Epiteto).
4a). La ekskurso per la aŭtobuso de la lernejo. > b). La ekskurso autobusE de la lernejo.
5a). La pentraĵoj en la kadro de la ekspozicio. > b). La pentraĵoj kadrE de la ekspozicio.
6a). Lia pritrakto en komparo kun mia pritrakto. > b). Lia pritrakto komparE kun mia pritrakto.
(temas pri Substantivo kun sia kunprepozitiva Prepozitivo aŭ kun sia prepoziciaĵa Prepozitivo).

Notu ke en la frazoj sub 1b), 2b) kaj 3b) la Prepozitivoj mallongiĝas (kaj kunmetiĝas) ĝis Adjektivoj, ĉar ili ne estas parto de sekvanta Prepozitivo, kaj rekte determinas la antaŭan Substantivon. Kaj notu ankaŭ ke en frazoj 4a), 5a) kaj 6a) la unua de la du Prepozitivoj estas Suplemento ĉe "ekskurso" resp. "pentraĵoj" resp. "pritrakto", dum la dua estas Suplemento ĉe la unua prepozitivo. Kaj notu krome, ke en frazoj 4b), 5b) kaj 6b) la unua Prepozitivo fariĝis la adverba parto de nova Prepoziciaĵo kun la Prepozicio "de" resp. "de" resp. "kun" kaj la dua Prepozitivo fariĝis, kun sia nova Prepoziciaĵo, la Suplemento ĉe "ekskurso" resp. "pentraĵoj" resp. "pritrakto". La unua Prepozitivo devis ŝanĝiĝi nepre al Adverbo, ĉar nur Adverboj povas uzati por formi Prepoziciaĵojn.

Marcel Leereveld.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena






Ĉu vi havas solvon kontraŭ nia nevideco? Roger Springer. Eĉ ĉe AE multaj kluboj ne videblas.

Eĉ la fuŝa studo de la angla faciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj.




# Lingvaj Problemoj?

'Ne iru sur la herbaĵon'

'Keep off the Grass'

Sed vidu maldekstre la Ĉinan lingvan avizon kaj la "Chinglish" lertan tradukon. en Wuhan, Ĉinio

## La esperantista retgazeto El Popola Ĉinio

(www.espero.com.cn) publikigis http://www.espero.com.cn/2013-10/18/content_30338055.htm

## Pli ol 230 studentoj de la Zaozhuang-a Universitato lernas Esperanton 2013-09-10




Teksto kaj fotoj de Sun Mingxiao

Studentoj el la E-kursoj aŭskultas Esperanton per aparato en la muzeo.

En la nova semestro de la studjaro 2013-2014 pli ol 230 studentoj de la Zaozhuang-a Universitato en la provinco Shandong en orienta Ĉinio lernas Esperanton kiel nedevigan lecionon en tri E-kursoj.

S-roj SASAKI Teruhiro, Hoikso kaj Semio gvidas po kurson. La unua leciono de la kursoj okazis en E-Muzeo por doni al la studentoj sciojn kaj veki ilian intereson pri Esperanto. Redaktoro: Wang Lihua



Studentoj de la E-kursoj kune fotitaj en la muzeo. (Fotoj de Sun Mingxiao)

# 'Skulptaĵa parko apud la Maro'





Bondi plaĝo 27 Okt.13 (Novaĵo el Meetup paĝo)

(4 Esperantistoj iris)

Mi vizitis la Bondi Marbordan skulptaĵparkon hieraŭ kaj estis tre bona. Mi eĉ aĉetis la manlibron pri la skulptaĵoj. La libro kostis $10.00 sed ĝi enhavas bildon kaj informon pri ĉiuj skulptaĵoj. Kam Lee



# Esperanto-Domo Sidnejo 3/11/13

Anoj kunvenas ĉiun monaton 12tm Venu 1an de Decembro

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Brazila Esperantisto (dua de maldekstre) vizitis la esperanto-klubon de Sidnejo la 3an de novembro. Amike, Nicole Ankaŭ ĉeestis Volo Gueltling kaj Robert Bain





## Dmitry en Koreio

Jen Nicole trovis tiun foton sur Fejsbuko.

# Raporto pri 100-a Japana Esperanto-Kongreso

raportoj de Marko. ( J Marc Schmidt)



Kio: La 100-a Japana Esperanto Kongreso (JEK)
Kie: Funabori, kvartalo de Tokio
Kiam: 12-15an de oktobro, 2013 (Sabato, Dimanĉo, Lundo, Mardo)
Kiu: Mi kaj S-ro Gerry Phelan

La vendredan vesperon antaŭ la unua tago de la kongreso, mi alvenis al Narita-Flughaveno, la ĉefa flughaveno de Tokio. Tie, mi rendevuis mian samkluban amikon, Gerry Phelan, kiu jam alvenis al la flughaveno per alia aviadilo, kaj estis atendanta min. Trajne ni vojaĝis al la mezo de la urbego, kaj niaj hoteloj. Tiun vesperon en la flughaveno kaj trajno, ni ja krokodilis multe. Ho, la vojaĝo estis longa kaj laciga, gesinjoroj!

Vere, en la monatoj antaŭ la kongreso, mi pripensis ke mi devos kabei. Mi ja volis renkonti miajn geamikojn en japana esperantujo, kiujn mi ne vidis dum multaj monatoj. Tamen dum la pasintaj monatoj, mi esperantumis pli malofte. Kiam mi uzos la lingvon, kaj kial? Eble Esperanto ja estus nur por tempriĉaj pensiuloj kaj ardaj junuloj! Ĉu la kosto de tiu vojaĝo ja estos inda?

Dum la kongreso, mi tranoktis en junula gastejo (YHA Youth Hostel). En la gastejo tranoktis kaj junuloj kaj maljunuloj, iom de kiuj estis kongresanoj! La gastejo kuŝis apud la rivero Sumida, 15 minutojn for de la kongresejo per trajno. Sabaton, mi iris kongresejen trajne. Tamen mi baldaŭ informiĝis pri biciklo por lui en la gastejo. Dimanĉe kaj lunde mi biciklis al la kongresejo. 40 minutoj surbicikle en la oktobra aero tra la stratoj de Tokio; jen bona maniero por komenci tagon!

Mi ĉeestis multajn bonajn prelegojn kaj fakkunsidojn ĉe la kongreso. Interesa fakkunsido temas pri japanaj kulturaj aferoj. Tiu estis por la nejapanoj, por doni 'mordeton' de japana kulturo. Ni ĉeestis teo-ceremonion, japanan kantadon kaj dancon, ornamentan paper-faldumadon (origami), kaj kaligrafion.

Iuj de la kongresaj aferoj okazis en la japana lingvo, ĉar iuj samideanoj en Japanujo ankoraŭ ne bone komprenas Esperanton. Iuj de tiuj estis publikaj aferoj, por informi kaj propagandi Esperanton al Tokio-anoj.

Post unu tago, mi kaj Gerry ne plu krokodilis. Jes, post iom da tempo, oni pli volas paroli esperante. Ardo de Esperanto kreskas. Post la kongreso, por du-tri tagoj, mi plu volis paroli esperante!

Du koncertoj okazis. Dimanĉe okazis la oficiala koncerto. Jen multaj specoj de muziko kaj kanto, ekzemple deklamo de poemo, repo (rap music), popolmuziko, opero. Fine kantis Jean-Marc LeClerc, aŭ 'JoMo', kiu famiĝis en Esperantujo. Gerry, kiu partoprenis la UK en Rejkjaviko, raportis ke la koncerto de la 100-a JEK estis pli bona ol la koncerto en Rejkjaviko! Lunde okazis la dua koncerto, nomiĝis 'Gaja Vespero'. Jen bona, gaja afero, kiu taŭgis por la vespero de la 3-a tago de la kongreso. Ni kongresanoj estis pli komfortaj, pli amikaj, tre ĝojplenaj, kaj jam bedaŭris ke la kongreso baldaŭ fermiĝos.

Mi renkontis novajn amikojn, ĝoje konversaciis, kaj spertis multajn bonajn aferojn ĉe la kongreso. El tiuj, mi raportos unu memorindan aferon al vi: la malferma ceremonio, lokaj gravaj homoj prelegis, ekzemple la guberniestrino de Tokio, kaj la urbestro de Funabori. Jen normala, oficiala tasko por tiuj. Kompreneble, tiuj ne parolis Esperanton. Tamen, kiam la urbestro komencis sian prelegon en la japana lingvo, li diris du vortojn Esperantajn al la aŭskultantaro. 'Karaj kongresanoj', li diris. Ho, la aŭskultantaro aplaŭdis tion korvarme. La urbestro ne anticipis tian aplaŭdadon. Mi povis vidi tiumomente, pro lia mieno, ke li estis kortuŝita. Jen Esperanto.

## Postkongreso 秋の文化講座




Kio : Postkongresa okazaĵo
Kie: Esperanto-Domo, Jacugatake (kampara montaro, 250km for de Tokio)
Kiam: 15-17an de Oktobro, 2013.

Kiuj: Mi, Gerry, 6 aliaj ne-japanoj el Italujo, Kanado, Taĝikio, Nepalo, Koreujo, kaj Hungarujo; 7 japanoj; kaj 4 japanaj zorgantoj.

Post la kongreso, la ĵus menciitaj kongresanoj rapide iris al la centra stacidomo Ŝinĵuku, (Shinjuku) por trafi aŭtobuson al la japana Esperanto-domo en Jacugatake (Yatsugatake). Ĉu vi scias pri Jacugatake? Nu, mi sciis pri tio longtempe, sed neniam havis ŝancon viziti tie ĝis nun. Eksterlandanoj rajtas tranokti tie senpage.




Mi ne havis bonan imagon pri Jacugatake. Mi imagis simplan lignan domon en arbaro. Do, mi ja miris kiam mi vidis la domon. Jen bela, granda, pura domo. Jen du konstruaĵoj, la vivdomo kaj la dormdomo. Jen vasta, bonega biblioteko. La dormdomo havas du etaĝojn kun multaj dormĉambroj. Dumnokte, la nuraj sonetoj estis eta pluvo kaj vento.

Ni pagis ne por gastado, nur por manĝo kaj kotizo. Ni manĝis bone. La manĝaĵo pretiĝis de du el la zorgantaro, kun helpo de ni, la gastoj. Ĉiunokte, post vespermanĝo, iu prelegis pri iu afero. Je la merkreda kaj ĵauda matenoj, du el la gastoj ankaŭ prelegis. Merkredon posttagmeze, ni ĉiuj ekskursis, unue al la apuda vilaĝo, por manĝi meztagmanĝon, kaj due por promeni tra la bela monta aŭtuna arbaro. Mi dormis bone, manĝis bone, kaj esperantumis tre bone. Kiam la tempo alvenis, kaj mi devis foriri, mi volis resti tie. Do, mi tre volos reiri tien iam.

Mia tempo ĉe Jacugatake estis bonega. Kun la kongreso, mia esperantumo en Japanujo estis tre

memorinda. La uloj kiujn mi renkontis estis helpemaj kaj amikaj.

# Dua letero de Happax



01.11.13

Reveninte al Sidnejo, ĉifoje ni iris al la zooparko pli frue, por havi sufiĉe da tempo por vidi la prezentadojn de la birdoj kaj de la fokoj.
(mi devas interrompi ĉi tiun rakonton por fari iom da justeco: kiam mi skribis antaŭe, ke la telefonkarto de Amaysim ne estis bona, mi eraris. Ĉar la problemo estis, ke mi ne respondis al la kontrolmesaĝo de la Kompanio. Sed poste, kiam ni respondis al ĝi, kaj ke ili kontrolis, ke mi enskribiĝis en la programo kun ĝusta retpoŝtadreso, la servo ekfunkciis ege bone, kaj ni povis telefoni senlime dum unu monato al aŭstraliaj telefonnumeroj, kaj ni povis komputilumi ankaŭ senlime per la poŝtelefono, kaj legante nian retpoŝton kaj ludante en Fejsbuko, aŭ eĉ ĝuante longajn videoprogramojn. Do, mi devas diri ke Amaysim estas vere nekredeble bona telefonkarto!)



Mi povos skribi poste pri nia vojaĝo al Melburno, Kanbero, kaj Adelajdo, kaj pri niaj aventuroj en Novzelando kaj Brisbano, sed por hodiaŭ sufiĉas diri, ke ni ankaŭ vizitis la urbocentron, kie ni gustumis bonan manĝaĵon en la Poŝto-placo, aŭdante bonan muzikumadon de Sidnejaj Kantistoj kaj ludistoj, kaj ĝuante la sunon kun glaso da biero.

02.11.13

Hodiaŭ ni rezervis por iri al la Sidneja Akvario, kaj ĝi estis nia pinto-pinto en nia vojaĝo!

Ni aĉetis niajn biletojn en la reto ĉar estis pli komforte kaj malpli koste.

Unue ni iris al la fiŝmerkato, kie ni multe fotis kaj bonege manĝis.

Lu {la edzino} ankaŭ aĉetis kelkajn ilojn por fari kukojn, ĉar ŝi amegas kuiri kaj havas specialan talenton por krei belegajn, bongustajn kukojn.

Dum la vojaĝo, ŝi aĉetis multajn ilojn por kuiri kaj baki, ĉar ili havas bonajn prezojn, kompare al Brazilo.



Ni faris eble ducenton da fotaĵoj ene de la akvario. Ni speciale ŝatis vidi la ŝarkojn kaj la buntajn fiŝojn.

Poste ni drinkis en itala restoracio, ĝuante la sunsubiron. Ni vidis multajn homojn kun amuzaj vestaĵoj, ĉar estis ankoraŭ tempo por festi la tagon de la mortuloj. Ni forlasis Darling Harbour per pramŝipo, kaj la horizonto estis tre bela, kun la ponto kaj la urbo fone.

03.11/13 Ni ambaŭ havis la impreson, ke ĉi tiu ne estas nia lasta vojaĝo al Aŭstralio, sed venontfoje, ni volas viziti ĝin dum la somero.

Hodiaŭ ni leviĝis tre malfrue, ĉar estis la lasta feria tago.

Ni revizitis Ella Cafe por gustumi Blueberry Muffin, kaj revenis al la E-domo. Kiam mi estis razanta mian barbon, Nicole aperis kaj diris, ke ĉio estis en ordo por la speciala evento. Kiam mi estis preta, mi kaj Lu eniris la ĉefkonstruaĵon, kie mi renkontis aliajn esperantistojn kaj eĉ unu komencanton, kiu venis speciale por la okazo.



Ni iris supren, kie mi havis la bonŝancon montri mallongan lecionon uzante la Berlitzan (rektan) metodon Eĉ mia edzino lernis la numerojn kaj la Esperanto-alfabeton!
Ŝajnas, ke Steven, la komencanto, ŝatis la lecionon kaj aniĝis en AEA.

Mi faris novajn amikojn, kaj mi esperas, ke ni povos renkontiĝi denove baldaŭ, eble en Brazilo aŭ Bonaero.

Mi kore dankas al la geamikoj de AEA, speciale al Kam Lee kaj al Bob Felby, miaj novaj amikoj en Esperantujo.

Sed, se mi povas doni etan konsilon, mi kredas ke AEA bezonas multe da disvastigado, kaj varbado de gejunuloj. Vi havas bonan oportunon, ĉar la E-domo lokiĝas apud granda kaj grava universitato.



Mi volas helpi vin trovi bonajn eblecojn por disvastigi E-on, estante la Kunigilo inter AEA kaj Brazila Esperanto-Ligo. Ili havas multe da bonaj spertoj kun la junularo kaj certe povos helpi vin kreskigi la movadon en Oceanio!

Fortan brakumon kaj dankon denove pro la gastigemo kaj helpo!

Emerson kaj Lu.

## lu antaŭurbo de Wuhan Vivu komforte for de la urbocentro



